# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 03/03/2016 Ducentkvindeknaŭa eldono 03/03/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol **316,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook

**Propagandila kaj Fontindika Libreto.**




*http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo* enhavas la ligojn al

la sin kunmetota papera libreto (*per la uzo de via komputila presilo*)

kaj la 32 paĝoj de la ekrana libreto *(por legado sur ekrano)*

kaj la PDF-dosiero de la libreto por profesia presilego.

*Ĉu vi faris vian kopion? Ĉu viaj studentoj faris siajn kopiojn?*

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj



**aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon**

**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

## 112. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



### La plurfaceta verbo “esti”. B.

La dua signifo estas “Aldoni, kun predikativo, karakteraĵon al la subjekto de la frazo. Tio ne signifas, ke la karakteraĵo kaj la subjekto estas samaj. Oni ja ne povas interŝanĝi la predikativon kun la subjekto, kiel post “Tiu viro estas politikisto” oni ne povas diri ke “Politikisto estas tiu viro”, ĉar ekzistas pliaj politikistoj. Nek post “Tiu virino estas fama” ke fameco egalas al tiu virino, ĉar ekzistas aliaj famaj personoj. Ĉe ĉi tiu dua signifo de “esti”, nome karakterizi per predikativo la subjekton, sed ne inverse, la verbo “esti” nomiĝas ”kopulo” kaj estas netransitiva. Ĉi tiu uzo de “esti” estas la plej kutima.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kontaktu, Subtenu Vian Klubon

| | |
|---|---|
| ★★★La Manlia Esperanto-Klubo. | Roger Springer 02 9976 0632 |
| ★★★La Brisbana Esperanto-Societo. | Kay Anderson 07 3372 7006 |
| ★★★Esperanto-Grupo de Centra Marbordo. | Jo Turvey 02 4362 8287 |
| ★★★La Tasmania Esperanto- Societo. | Kam Lee 03 6225 1474 |
| ★★★La Melburna Esperanto-Klubo. | Heather Heldzingen 03 9525 4295 |
| ★★★Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero. | Huigh Malcolm 02 6288 4334 |
| ★★★Esperanto-Domo, Sidnejo. | Roger Springer 02 9976 0632 |
| ★★★Esperanto en Sudaŭstralio. | Bob Felby 08 8242 1460 |
| ★★★Adelajda Esperejo, | Max Wearing 08 8359 3375 |
| ★★★Esperanto League of W.A. Inc. | Vera Payne 08 9387 1520 |

Se la klubaj kontaktoj estas eraraj, informu min. Roger. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## *** Rainer Kurz vizitis Sidnejon por la 16a fojo ***



Je la fino de Novembro 2015 mi iris Australien. Mia unua renkontiĝo kun Sidneja Esperantisto jam okazis dum mia unu-semajna interhalto en Singapuro kie mi estis gasto de profesoro Frank Stephan kaj de la Singapura Esperanto-grupo. Frank vivis dum kelkaj jaroj en Sidnejo kiam li faris esploradon pri matematiko je la universitato de Njusaŭzvelso ("University of New South Wales"). Li nun laboras je la nacia universitato de Singapuro ("National University of Singapore" ) kie mi ankaŭ vizitis lin.

En Sidnejo mi spertis Esperantujon dum Zamenhoffesto en Redfern, dum Klubrenkontiĝoj de Manlio kaj dum marborda tago kun la polaj gesamideanoj Halinka kaj Tadeusz Ejsmont. Mi estis invitita de Andrew Spannenberg kaj Martin Gray al Novkastelo (mi tie prelegis).

Kelkfoje mi povis varbi por Esperanto: Mi prezentis Esperanton kaj SLF al la estroj de la Korea Kultura Centro. Mi prelegis pri Esperanto dum la tago de la denaskaj lingvoj (en la urbodomo de Ashfield). Pro mia agado pri la rifuĝintoj mi havis individuan renkontiĝon kun Tim Costello, profesoro Paul Chandler kaj la Rotary Klubo de Randwick kie mi ankaŭ uzis la eblecon paroli pri Esperanto.

Mi volis fari pli multe por Esperanto en Sidnejo, sed dum parto de la tri monatoj mi estis en la Blua Montaro kaj en Kanbero. Ankaŭ mi estis nekredeble okupata por helpi rifuĝintojn en Aŭstralio trovi laboron (mian prelegon pri ĉi tio vi povas vidi je www.youtube.com/watch?v=1OMT93um2pA ). Mi planas reveni fine de 2016. Espereble mi povos pli multe fari por Esperanto tiam.




Ĝis baldaŭ Rainer

(sendita dum kvintaga interhalto en Dubajo survoje al Germanio)

## Informilo de la UN-oficejo de Universala Esperanto-Asocio

*Numero 21, Marto 2016*

https://sites.google.com/site/esperantoporun/dokumentoj/informiloj-de-esperanto-por-un/informilo-de-marto-2016

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

### 2016-02-25 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (25/02/2016) ĉeestis:

Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor - Ilia el Indonezio kaj Bradley el NZ

Mi pardonpetas ke ni ne informis pri la lastaj tri estrarkunvenoj.

(1) Ni bonvenigis Jonathan post lia longa restado en Kanado.

**(2) SOMERKURSARO – JANUARO 2017 EN BRISBANO**

Nia venonta somerkursaro okazos en januaro 2017 en International House en Brisbano 6-a – 15-a Januaro 2017

Ni esploris kelkajn eblecojn, sed la oferto de "International House" estis la plej bona.

Ni komencis la preparadon. Bv helpi.

**(3) VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO)**

**23 – 28 Marto 2016**

Ni ĉefe diskutis la evoluantan programon. Baldaŭ ni metos ĝin sur nian retejon.

Ĝis nun proksimume 75 personoj aliĝis al la kongreso

Venonta kunveno: 10/3/2016

Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo. **Venu ĉi Sabaton!**

# Pri la nomoj de la literoj .



Ekzistas iometo da konfuzo pri la Esperantaj nomoj de la literoj. Krom kelkaj sistemoj proponitaj post Zamenhof por nomado en sciencaj verkoj (ekz. a, ba, co. ĉo, da, ktp.), ekzistas en la Fundamento la regulo ke ĉiuj konsonantoj havu nomon finiĝantan per –o. Sed ni ne scias, ĉu en tiuj nomoj la o estas finaĵo aŭ parto de la radiko. Cetere estas mallogika, ne doni tiun radikliteron aŭ tiun finaĵon al la vokaloj. Plej konsekvenca estas nomi a(o), bo, co, ktp. radikoj, post kiuj ni devas aldoni finaĵon –o (kun eventualaj –j kaj –n) kiam ni uzas tiujn nomojn en teksto. Do ekz. "Ĉiuj liaj tooj estas malbone skribitaj", kaj "Mi ne kapablas bone prononci la ĵoon nek la e(o)on". Ni do povas diri "Ne forgesu la literon n." aŭ "Ne forgesu la n." aŭ "Ne forgesu la noon". Same la literon a aŭ la a aŭ la aoon (aŭ, laŭ la Fundamento, la a kaj la noon). Kaj "Lia ĵoo sonas ŝoe" kaj "Al mi plaĉas la ŭoaj vortoj" kaj "Ni devas pli ĥoi". Ankaŭ: "La rusa lingvo estas joema" (= ametas la sonon j). Por ne krei homonimojn (ekz. io kaj la litero io) estas preferinda nomi la vokalojn "la aoo" aŭ "la a" kaj "la ioo" aŭ "la i", kiel menciita supre.

Cetere estas plej klara uzi ĉiam la vorton "litero" antaŭ la litero, ekz. la literoj a kaj b aŭ la literoj a kaj bo aŭ la literoj ao kaj bo aŭ la literoj ao kaj boo aŭ la literoj

aoo kaj boo.

Notu ke se oni kunuzas la vorton "litero", nur ĉi lasta ricevas la akuzativan "n" (la noon).

Marcel Leereveld.



## La Melburna Esperanto-Klubo kunvenas



ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"Pasintan lundon ni bonvenigis junan esperantistinon, Trang Nguyen el Vietnamujo kiu nun studas en Melburno. Ŝi bone regas la lingvon kaj ni esperas ke ŝi daŭre vizitos nian klubon. Aliaj ĉeestantoj estis Jennifer, Marcel, Ken, Karlo, Esther, Peter Lim kaj Heather.

Venontan lundon estos nia jarkunveno je 7 ptm kun trinkaĵo kaj mangaĵo je 6.30 ptm.

Nia klubo havos budon ĉe la Brunswick Road Street Party venontan dimanĉon la 6an de Marto, kie ni disvastigos informon pri Esperanto kaj nia movado en Melburno. Vizitu nin se vi estas en Melburno!

Heather Heldzingen



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?



Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)



## Esperanto-Domo Sidnejo



Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato 13:00

Aferkunveno antaŭe je 11:00. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

**Venu ĉi Dimanĉe!**

## Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

### Nova redaktoro por la revuo Esperanto: Kaszás Attila



El ses kandidatoj por sekvi Fabrício Valle kiel redaktoro de la revuo 'Esperanto', la estraro de UEA elektis Attila Kaszás (47). Li estas diplomita esperantologo, historiisto, politologo kaj li laboras en Budapeŝto kiel konsultanto kaj manaĝisto.

*"Ni estas tre feliĉaj pri la kvalito de la homoj, kiuj proponis sin por tiu grava rolo",* komentas la prezidanto de UEA, d-ro Mark Fettes. *"Denove nia komunumo montris, kiom da talentoj ĝi*

*daŭre sukcesas nutri. La redaktoro estas ŝlosila ano de nia teamo en la Estraro kaj Oficejo, kaj mi antaŭvidas ke Attila plurflanke kontribuos al niaj laboroj por la renovigo de la Asocio."*

Lerninto ĉe la fama kvintaga "Piratfiŝkurso" en 1987, Kaszás tuj aliĝis al la E-Fako de la Universitato ELTE en Budapeŝto, kaj fariĝis tre aktiva en la junulara movado de la 90-aj jaroj. Estrarano de Hungara E-Junularo kaj TEJO, li kunorganizis multajn junularajn renkontiĝojn kaj trejnseminariojn, rolante kiel la LKK-prezidanto de la 55-a IJK. Dum la renkontiĝoj li ofte verkis kaj reĝisoris humurajn skeĉojn kaj kunredaktis eldonaĵojn. Poste li fondis E-familion, en kiu naskiĝis unu filo.

Profesie, Kaszás laboris ĉe registaraj instancoj, NRO-oj kaj komercaj entreprenoj en diversaj kampoj, kiel ekz. junularpolitiko, ekologia mastrumado kaj internaciaj rilatoj. Li nun faras doktorajn studojn pri elektronika demokratio. Membro de la hungara UNICEF-komisiono kaj estrarano de la Asocio de Eŭropaj Baloto-Spertuloj, li krome ellernis pro pasio dek kvar lingvojn ĝis nun, kaj multe vojaĝis, entute en pli ol kvardek landoj.

Kaszás transprenos la redaktadon de la revuo ekde la maja numero ĉi-jare. *"Dum la lastaj semajnoj mi konstante cerbumas pri la revuo, mi estas plena je ideoj, temoj, rubrikoj, artikoloplanoj"*, li entuziasmas. Jam en marto li planas viziti la Centran Oficejon por konatiĝi kun la kolegoj tie.

***CO de UEA / Ret-Info***



# ESPERANTO-LIGO DE OKCIDENTA AŬSTRALIO

afon kaj paroladis rante.



Heather kaj Nick el Perto komencis lerni Esperanton dum 2015 kaj jam finstudis la 12-lecionan kurson el Britio.

. Ankaŭ du novaj komencantoj studos la saman kurson ĉi-jare.

. Dum ĉiumonataj rondoj.

ELOA grupo nuntempe legas *Vivo de Zamenhof.* Krome, ni legas, tradukas kaj aŭskultas al *La Junaj Trezorserĉantoj-n* kiu haveblas sur KD. La anoj ankaŭ ludas Esperanto-version de *Scrabble,* kiun ili pretigis.

Trish O'Connor

# Francaj kasteloj kaj verkistaj rezidejoj: turisma semajno kun profesia e-ista ĉiĉerono je 2016-junio-12/17

Post nia sukcesa ekskurso antaŭ la UK en Lille, Catherine Kremer kaj Jannick Huet proponas al vi, scivolemaj Esperantistoj, novan turisman programon en la Luar-Valo ( la vallée de la LOIRE): www.gresillon.org/s1

Ni vizitos per profesia ĉicêronado en Esperanto ne nur famajn Renesancajn Kastelojn sed ankaŭ rezidejojn de la verkistoj Ronsard, Rabelais, Balzac kaj Leonardo Da Vinci.

Aliĝu nun al nia turisma semajno 2016 en junio per www.gresillon.org/s1
Atentu, la kastelo Gresillon havas malmulte da unulitaj litĉambroj, do ne prokrastu vian aliĝon se vi deziras tian litĉambron!

Novaĵo: por atingi Gresillon facile: flugo de British Airways el London City (LCY) al Angers Loire (ANE) lunde 13an de junio por 76 £. La flughaveno situas je 15 km de Gresillon kaj ni povos veturigi vin.

Koran bonvenon en la Esperanto-Kastelo






## Pri 3ZZZ radio

La elsendo de la 29a de februaro plaĉos al tiuj, kiuj ŝatas la francajn kantistojn Jacques Yvart kaj Patric kaj al tiuj, kiuj interesiĝas pri la naturo danke al artikolo pri cignoj.
Ĝojan aŭskultadon deziras al vi la kunvokanto, Franciska Toubale.

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

# UEA-FILMOKONKURSO PRI "AMIKECO EN LA UK"

## Gajnu senpagan aliĝon al via amiko por la UK en Nitra!

Esperantaj Kongresoj estas bonaj okazoj por renkonti amikojn kaj ekhavi novajn. Por doni atenton al la kongresaj amikecoj, Universala Esperanto-Asocio, UEA nun okazigas konkurson pri amatoraj filmoj, kiuj traktas tiun fenomenon de amikeco. Aŭtoroj de la plej popularaj filmetoj gajnos senpagan kongres-aliĝon por sia amiko.

Ĉu vi havas frenezajn aŭ eble kortuŝajn rememorojn el iu pli frua kongreso? Ĉu vi konatiĝis kun nova amiko dum iu Universala Kongreso? Ĉu vi renkontis aŭ planas renkonti viajn amikojn en la UK? Rakontu pri tio!




La konkurso okazos en la socia retejo Facebook, kie la **gajnintojn elektos la publiko**: la premion ricevos aŭtoroj de la plej popularaj filmoj. Aliĝo al la konkurso estas senpaga kaj ĝi okazas aŭtomate per la **aldono de la kradvorto #uk2016amikeco**. La filmojn oni povas alŝuti ĝis la 31-a de marto 2016. La gajnintoj – kolektintoj de la plej multaj ŝatoklakoj – estos anoncataj la 4-an de aprilo en 2016.

En la konkurso povas partopreni ĉiu interesiĝanto. Ne gravas la tekniko – la filmo povas esti kolora aŭ nigra-blanka, ankaŭ registrita per poŝtelefono. Tamen, ĝi devas esti en Esperanto kaj ĝia daŭro ne povas superi tri minutojn. Ĉiu povas anonci por la konkurso plurajn filmetojn.

UEA atribuos du premiojn, kondiĉe ke en la konkurso partoprenos almenaŭ 25 filmoj. Se oni anoncos por la konkurso pli ol 50 filmojn, estos elektataj tri gajnintoj. La regularo de la konkurso estas konsultebla en la LKK-retejo de la 101-a Universala Kongreso: http://www.nitra2016.sk/regularo-konkurso-semajno-de-internacia-amikeco

*P.S. Se vi volas do partopreni la konkurson, simple alŝutu vian filmeton pri Esperanta amiko ie ajn en Facebook, kaj al via teksta komento aldonu la vorton kun komenca krado-litero: "#uk2016amikeco". Ne gravas, kien vi ŝutos la filmon, ĉu al via propra muro aŭ al la muro de iu publika grupo, gravas nur ke troviĝu apud tiu kradvorto, pere de kiu oni povas serĉi kaj retrovi la filmon.*

*L.S. / Ret-Info*